# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 31/01/2015 Ducent dua eldono 31/01/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo



## Estontaj kompetentaj Esperantistoj

### aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**



Se oni demandas kial la disvastigo de nia lingvo ne estas pli sukcesa ol ni dezirus, tiam eblas multaj respondoj: "Kulpas la supereco de la angla kiu ne plu lasas spacon al nia lingvo" aŭ "la lingvo estas tro malfacila por azianoj". (Ktp. Ktp Klaku! Legu! Aŭskultu!)

Artefaritaj lingvoj ja estas skribobazaj lingvoj. Ili ne baziĝas sur la parolado kiel aliaj lingvoj, sed ilia fundamento estas skriba. Kaj por fariĝi vere vivanta lingvo ili bezonas la paroladon. Necesas verki tekstojn kiuj estu legataj de kapablaj homoj kaj necesas porti tiujn legatajn paroladojn al aŭskultema publiko. Tio devas okazi - por daŭre efiki - laŭeble ofte kaj regule kaj tio devas atingi homojn kun lingvaj kaj kulturaj fonoj el la tuta mondo.
Nur tiel la lingvo povas enradikiĝi en la cerboj de homoj kiuj ŝatas lerni kaj praktiki la lingvon. Senparola legado de valoraj tekstoj ne sufiĉas, ĉar la homa cerbo nepre bezonas aŭdi la sonojn de lingvo por kapabligi la koncernan homon paroli tiun lingvon. "Paroli lingvon" ja ne signifas scii kelkajn bazajn frazojn kiujn oni kapablas iel elbuŝigi, sed ĝi signifas ke la formado de frazoj kun nova enhavo funkcias kvazaŭ aŭtomate, sen longaj gramatikaj pripensoj.

(Ktp ktp Klaku! Legu! Aŭskultu!) **Aŭskultu la retradion ĉiutage**

# 56. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## LA PREPOZICIOJ. A.



Ni antaŭe konstatis, ke pentraĵo povas al ni montri, kaj kutime montras, aganton aŭ agantojn kiuj faras certan agon, kiu ago ofte rekte efikas sur ion aŭ iun alian, dum povas ĉeesti unu aŭ pluraj cirkonstancoj. Tiujn partojn de la bildo ni nomis la subjekton, la predikaton, ja la ago, la eventualan objekton, kaj la adjektojn. Ni vidis ankaŭ ke la kernvorto de la subjekto kaj de la objekto, kaj ofte de la adjektoj, estas kutime substantivo., kaj ke de la predikato ĝi ĉiam estas verbo, kaj de la adjektoj ĝi ofte estas adverbo.

Ni plue vidis, ke la kernvorto povas ĉehavi komplementojn kiuj difinas ĝin, kiuj donas pli da informoj pri ĝi, ekz. "La belaj rozoj en mia ĝardeno, kiujn mi plantis pasintjare, tute ruinigatis de grandaj hajleroj, kiuj falis hieraŭ". La komplementoj ĉi tie estas la epitetoj (= plej ofte adjektivoj) "belaj" kaj "tute" kaj "grandaj", kaj la suplemento "en mia ĝardeno", kaj la subordaj propozicioj "kiujn mi plantis pasintjare" kaj "kiuj falis hieraŭ". Krome ĉeestas la komplementoj difinantaj la jamajn komplementojn; ili estas "mia" kaj "pasintjare" kaj "hieraŭ". (daŭrigota).

Marcel Leereveld.

# Klubo de Noumea (NovKaledonio)



La Klubo de Noumea ŝategas akcepti eksterlandajn esperantistojn ĉar por la plimulto el la klubanoj, tiuj vizitantoj prezentas la nuran okazon por paroli kun eksterlandanoj. Tamen por ke tia renkonto funkciu, necesas iom da autaŭvido. Se vi intencas viziti Noumea kaj nin, bonvolu, ni petas, sendi per reto je kelkaj tagoj (semajnoj) antaŭ via vizito la daton kiam via flugo aŭ kruzŝipo atingos Nov-Kaledonion ; la numeron de la flugo aŭ la nomon de la ŝipo ; okaze la nomon de la hotelo. Krom se vi alvenas iun sabaton, kiam ni kutimas kunveni ni bezonas tempon por kontakti la samklubanojn kaj organizi novan kunvenon.

Sendu la mesaĝon al la delegito Lena Leroy : esperantonoumea@lagoon.nc aŭ al Ivan Serve : ivanserve@gmail.com



Se vi alvenos per kruzŝipo ne forgesu ke necesas pluraj horoj por elŝipigi 2000 homojn kaj veturi ilin al la « centro pri informoj » ene de la ŝipstacidomo. Sekve preciza rendevuo ne taŭgas. Pli bone ke vi elŝipiĝos kaj veturos al la centro pri informoj antaŭ ol telefoni al ni ; Ni bezonas nur 10 aŭ 15 minutojn por veturi al via loko.

Telefonu al Ivan : 687253379 (domo) aŭ 687783856 ( poŝ...)

Ni esperas ke tiuj informoj interesas multajn uzontojn.

NovKaledonio estas la plej proksima vizitinda insulo oriente de Aŭstralio.

Kore salutas Ivan Serve

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 05/02, 26/02, 19/03, 09/04, 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## Somera Esperanto-Studado (SES 2015) okazos inter la 11-a kaj la 19-a de julio 2015.

**SES 2015** okazos en la nordslovakia historia urbo Martin, situanta 210 km for de la slovakia ĉefurbo Bratislava, 180 km de la pola Krakovo (Kraków), kaj ĉ. 230 km de Budapeŝto, la ĉefurbo de Hungario.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

Terry Manley kaj lia filino Elissa restos 1an ĝis la 3a de Februaro.

Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al LA SEKRETARIO per retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au;

## La melburna "Meetup"-grupo



La dimanĉaj kunvenoj de la melburna "Meetup"-grupo rekomenciĝos je la 1-a februaro. Venu, babilu, lernu kaj manĝu kukon!
http://www.meetup.com/Melbourne-Esperanto-Meetups/

# La Historio de Merlo

Ni havas malgrandan kafejon en urbeto apud Kolonjo en Germanujo. La bakejo situas inter verdaj plantoj kaj multkoloraj floroj.





Sur nia antaŭdoma korto, je bela kaj suna printempa tago, mi iam aŭdis teruran blekadon. Mi kuris eksteren kaj ekvidis forflugantajn pigojn, kiuj ĵus estis atakintaj neston da merloj, kiuj tenere kreskigis siajn merlidetojn. Kelkaj el ili jam kuŝis mortintaj, sed kvar mi trovis, post serĉado, vivantaj, kvankam vunditaj, sur la tero sub arbustoj. Mi kunprenis



ilin en la domon kaj sidigis ilin en keston, plenigitan per mola papero. Mi unue manĝigis ilin per viandhakaĵo uzante longan pincileton. Unu el la kvar plumumantaj birdinfanetoj ne povis levi sian kapeton kaj baldaŭ poste mortis. La aliajn, dum la venontaj tagoj, mi preskaŭ ĉiam kunprenis singarde en mia poŝo. Tie estis varme, kaj mi ĉiam povis bone kontroli ilin. Ĝoje ili mem rekrablis, post kiam ili estis sataj, en sian poŝan ”hejmon”. Bedaŭrinde du el ili plimalfortiĝis kaj baldaŭ poste mortis. La tria kreskis bone, kaj ni nomis ĝin ”Merlo”, tiu ja estas la Esperantlingva vorto por la germana nomo ”Amsel”.

Kelkajn tagojn poste mi metis ĝin en malgrandan kaĝon kaj manĝigis ĝin per farunvermoj. Merlo bone kreskis kaj baldaŭ povis sidi sur la sidstangetoj en la kaĝo, pepis kaj saltis de unu sidstangeto al alia. Ekde la batalo kontraŭ la pigoj ĝi havis malgrandan vundon super la okulo, kaj tiu vundo ĝis hodiaŭ montras al mi: ”Tiu estas Merlo”. Memkompreneble mi intertempe rekonas ĝin ankaŭ sen tiu signo. Merlo tuj sidigis sin sur mian manon, kiam mi manĝigis ĝin. Baldaŭ ĝi transloĝiĝis en pli grandan kaĝon. Sub nia antaŭtegmento ĝi loĝis dum kelkaj semajnoj en sia bela rezidejo, kaj ĉiun matenon ekscitite pepante ĝi salutis min. Tagon post tago ĝi pli bone povis flugi de unu sidstangeto al alia. Iam mi elprenis ĝin el la kaĝo kaj portis ĝin sur mia mano en la ĝardenon, tion mi ripetis ĉiun tagon. Iam ĝi flugis en arbareton, iam en arbaron, sed ĉiam ĝi revenis sur mian manon, kaj poste mi refoje alportis ĝin en la kaĝon. Ĉiam, kiam ni atingis la kaĝon, kaj ĝi povis vidi ĝin, ĝi flugis tra la pordeton en sian ”hejmon”. Baldaŭ tio fariĝis ĉiutaga rito kaj tio okazis dum kelkaj semajnoj. Iam, subite, ĝi flugis for super la domotegmenton, kaj ni ne plu revidis ĝin. Kvankam mi ĝojis, ke ĝi refoje havas sian liberecon, mi tamen iomete tristis, ke ĝi estas for, kvazaŭ sen adiaŭo. Mi vokis, serĉis, sed ĝi restis for.



Sed unu jaron poste, refoje en printempo, mia filino Maria alvokis min dirante: “Paĉjo, Merlo sidas sur la herbejo!” Mi observis ĝin nekredeme, sed vere, tiu estis Merlo. Mi vokis “Merlo”, kaj ĝi rigardis min klinante sian kapeton. Ekde tiam ni vidis ĝin preskaŭ ĉiun tagon. Somere ĝi konstruis neston en la densa hedero sur nia doma muro kaj baldaŭ ĝi havis idojn. Ĉiam, kiam mi vokis, ĝi venis al mi, kaj mi manĝigis ĝin per dolĉaj, molaj sekvinberoj, kiujn ĝi parte pludonis al siaj idoj. Ekde tiam Merlo estas nia kara dombesto, kaj neniu kredas, ke Merlo venos, kiam mi alvokas ĝin. Sed tio veras: Ofte ĝi iras apud mi kiel hundo. Se mi iras el la bakejo en mian buroon ĝi atendas sur la antaŭtegmento por ree akompani min ĝis la bakejo. Ĝi bone scias, kie estas la sekvinberoj. Se mi iras tra la korton en la vendejon, ĝi sidas antaŭ la pordoŝtupo kaj atendas por akompani min saltante, kaj ofte ĝi pepas por diri al mi: ”Saluton, ĉi tie mi estas!”



Intertempe ĝi jam plurfoje kreskigis siajn merlidojn, kiuj ĉiam iras aŭ flugas kune kun ŝi kaj ŝia birda edzo trans nian korton kaj inter niajn florpotojn.
Ĉiun tagon ĝi donas al ni multe da ĝojego !
Hermann Kroppenberg

# BBC Radio pri Esperanto

La elsendo ĉe BBC estas radio. Nun aŭdeblas ĉe http://linkis.com/www.bbc.co.uk/progra/pd2AK (28 minutoj)
Unu el la personoj kiuj parolas en tiu elsendo estas Penny Vos.
Amike, Nicole

# Internacia Junulara Kongreso

Karaj,
La 71-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO okazos de la 2-a ĝis la 9-a de aŭgusto 2015 en Wiesbaden (Germanio). "La temo de la kongreso estas tutmonda justeco: ni volas rigardi al la afero el diversaj flankoj kaj ekkoni viajn opiniojn pri juĝa, lingva kaj socia justeco. Ĉu justeco entute ekzistas? Kiel ni komprenu ĝin nuntempe? Kiel ni kontraŭstaru maljustecon en nia ĉiutaga vivo? Ĉion tion kaj multon ni provos tuŝi dum temaj programeroj."

Jam 3 aŭstralianoj aliĝis. Gratulojn al Joanne Johns kiu gajnis la konkurson por krei emblemon por la kongreso.

Amike, Nicole

# Esperanto-Domo Sidnejo



La venonta aferkunveno okazos 01 Februaro
11a.t.m. Komenciĝos la Aferkunveno
1 p.t.m. Lunĉo
Post lunĉo okazos 3 paroladetoj.
2 p.t.m. Unua paroladeto. Nicole Else "La kongreso en Melburno (fotoj-filmetoj)."
2.15 p.t.m. Dua paroladeto. Rainer Kurtz „Esperanto-filmfestivaloj en Ĉinio, Francio kaj Germanio".
2.30 p.m. Tria paroladeto. Maruŝka Struminska "medicinaj plantoj."
Bonvenu!



# Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 28an de Jan venis Roger Springer kaj Margaret Chaldecott kiuj laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn taskojn kaj Ian Wylles kiu ankaŭ helpis en la arĥiva ĉambro.

## Aŭskulti 3ZZZ aŭ alian elsendon menciitan en AE 200

Eble vi povas uzi nur la unuajn 3-4 liniojn pri kie kaj kiel aŭskulti Esperanton - se ne private, kial ne en grupoj de kelkaj geamikoj sampensantaj kiuj ne povas kunveni la saman tempon la saman lokon la saman daton.
Eble, en loka kafejo en antaŭurbo - aŭ eĉ, en la loka drinkejo dum kvieta paŭzo.
(Ĉu iam estas kvieta paŭzo en drinkejo?)
Margaret Chaldecott

Jen artikolo pri la forpaso de Kep Enderby en la revuo Esperanto de Februaro 2015.
Amike, Nicole

# Kep Enderby forpasis

**Universala Esperanto-Asocio funebras sian eksan prezidanton Kep Enderby, kiu forpasis la 8-an de januaro 2015 en la aĝo de 88 jaroj. Li naskiĝis la 25-an de junio 1926.**

Kep (Keppel) Enderby estis edukita en la Altlernejo de Dubbo kaj en 1944 li aliĝis al la flugarmeo. Li studis juron en la universitatoj de Sidnejo kaj Londono. Ekde 1950 li laboris kiel juristo kaj instruis. Ekde 1962 li estis universitata preleganto. En 1970 li estis elektita al la Aŭstralia Parlamento. De 1972 ĝis 1975 li estis ministro, unue pri aŭstralia produktado kaj poste pri justico. Post tio li denove laboris kiel juristo kaj ricevis la titolon Advokato de la Reĝino. De 1982 ĝis sia emeritiĝo en 1992 Enderby estis juĝisto ĉe la Supera Kortumo de Nova Sud-Kimrio. La iama amatora golf-ĉampiono havis diversajn gravajn funkciojn en tutaŭstraliaj kaj regionaj juraj institucioj. Ekde 2003 li prezidis la regionan societon pri libervola eŭtanazio.

Kep Enderby lernis Esperanton en 1987. De 1992 ĝis 1997 li estis prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio. Kiel prezidanto de la Loka Kongresa Komitato li gvidis la organizadon de la 82-a UK en Adelajdo (1997). Dum kvar oficperiodoj, de 1992 ĝis 2004, li estis membro de la Komitato de UEA. En 1998 Enderby estis elektita kiel prezidanto de UEA, funkcio, kiun li plenumis ĝis 2001. Prezidanto de Esperanta Jura Asocio li estis de 1996 ĝis 2002. En la voĉdonado de la revuo *La Ondo de Esperanto* li estis proklamita la Esperantisto de la Jaro 1999. En 2004 li estis elektita kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA.

Kiel prezidanto de UEA Kep Enderby elstarigis en siaj paroladoj kaj artikoloj la gravecon de la laboro por la homaj rajtoj. Li pledis ankaŭ por pli proksima kunlaboro inter UEA kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj, aparte Sennacieca Asocio Tutmonda, kies fervora membro li estis.


Kep Enderby kun Humphrey Tonkin ĉe la akcepto de Societo Zamenhof en la Tel-Aviva UK en 2000.

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj **Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 | Vidu AE196 | Vidu AE197 | Vidu AE198 | Vidu AE199 | Vidu AE200 | Vidu AE201 | Vidu AE202 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | xxxx | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | xxxx | AE198 | AE199 | AE200 | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | xxxx | AE185 | AE186 | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | AE202 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | xxxx | xxxx | xxxx | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | xxxx | AE188 | xxxx | AE190 | xxxx | AE192 | xxxx | AE194 | xxxx | xxxx | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | xxxx |
| Melburna Esperanto-Asocio | xxxx | xxxx | AE186 | xxxx | AE188 | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | AE194 | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Melburna "Meetup" Grupo | xxxx | AE185 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE202 |
| Tasmania Esperanta Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Toowoomba Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Klubo de Noumea (Nov Kaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE202 |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**"Ĉu via klubo funkcias?" Sendu informon.**

# Vortoj de "Lernu"

GLUTI

1. Malsuprenigi ion tra la gorĝo en la ezofagon kaj stomakon:

Ne glutu senmaĉe - poste via stomako doloros!
Li formanĝis ĉion per kelkaj glutoj - verŝajne malsatis.
Glutado de tro varmaj aŭ malvarmaj nutraĵoj povas danĝeri.
Ne estu glutema - vi dikiĝos!
Ŝi misglutis (enlasis iom da teo en la traĥeon) kaj ektusis.

2. Malaperigi en sin; avide alproprigi:

La maro englutis nian ŝipeton sed ni savis nin.
Lia negoco forglutis tutan lian monon.